

# PENSEO

N-ro 120

Okt./2001

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 www.anteo.domainvalet.com


## Larmiga Medikamento

Wang Guiqing

Patrino suferis strangan malsanon kaj perdis la funkcion de plorado. La malsano ne estis tia, kia ŝi ne povis eligi voĉon pro raŭkiĝo de gorĝo, sed tia, kia ŝi ne povis fluigi larmojn pro sekeco de okuloj.

Nelonge post ŝia emeritiĝo, kiam Patrino ellitiĝis iun matenon, ŝi sentis malkomfortecon pro seketaj okuloj, kaj kelktempe mildan doloron. Komence ŝi ne donis atenton al ĝi. Ŝi supozis, ke ŝi havigis al si "neadaptecon de emeritiĝo", ĉar ŝi nun fariĝis senhelpe libera post emeritiĝo, dum antaŭe ŝi estis tre okupita pri instruado kaj korektado de ekzercoj de lernantoj.

Okaze de ĉijara Instruista Tago, Patrino trovis, ke ŝi ne povis eligi larmojn. Tiutage, miaj kelkaj amikoj, kiuj ankaŭ estis ŝiaj lernantoj, venis por gratuli ŝin pro pro la okazo. Ili donacis al ŝi du bukedojn da freŝaj floroj kaj VCD. En nia memoro, ŝi aspektis juna kaj bela, kaj havis dolĉan kaj tintilan voĉon dum tiuj tagoj de ŝia instruado. Per floroj ili volis deziri al ŝi eternan junecon, kaj per VCD ili esperu, ke kantoj ĉiam ĝojigu ŝin. Patrino tre emociiĝis pro tio kaj sentis acidecon en nazo. Kvankam ŝi havis miksitajn sentojn en koro, ne malsekeco tamen venis al ŝiaj okuloj. Se la samo okazis antaŭe, la larmoj jam senbride elruliĝis el ŝiaj okuloj…

Patrino maltrankviliĝis. Ŝi sin kaŝis en izola loko kaj malfermis sian memoron, ĉu emociigan aŭ malĝojigan, al si mem. Ŝia menso kvazaŭe ondumis, tamen ŝia okulparo ne larmis pro sekeco.

Pro tio, Patrino faris seriozan decidon: konsulti kuraciston!

Patro volis akompani ŝin iri al kuracisto, sed ŝi rifuzis, dirante, ke ŝia malsano ne estas grava kaj ŝi ne volas malhelpi lian laboron.

Post longtempa ekzameno, la kuracisto diris al Patrino, ke ŝi suferas neŭrastenion de larmosako, kaj ke se ŝi ne petos rapidan kaj seriozan kuracadon, larmigo ne estos esperebla, kaj pli ŝi eble blindiĝos. Nuntempe enlande ne estas efika rimedo por kuraci tiun malsanon. Post injektado, ŝi revenis hejmen kun du boteletoj da kolirio.

Patrino ne informis nin pri la seriozeco de ŝia okula malsano. Ĉiutage ŝi vidiĝis preni medikamenton kaj gutigi kolirion. Mi konsideris, ke ŝi nur suferas tian malsaneton kia trakomo, kaj mi ne donis multan atenton. Ĝis kiam mia patro iutage svenis sur la ekzercejo, la vero de ŝia malsano malkaŝiĝis.

Tiun matenon mi kaj Patro elhejmiĝis. Mi venigis lin al la ekzercejo per motorbiciklo. Ĉirkaŭ la deka, kiam mi estis leganta manuskripton, telefonvoko informis al mi, ke Patro subite svenis sur la ekzercejo kaj nun troviĝas en hospitalo por urĝa kuracado.



Ĵetinte mian laborn, mi hastis al la hospitalo. Kiam mi kuris en la malsanulan ĉambron, Patro jam konsciiĝis el danĝero, kuŝante en lito kun gutanta injektado. Escepte de pala koloro sur la vizaĝo kaj iom da laceco, mi ne povis trovi gravan malsanecon en li. La kuracisto diris al mi, "Via patron e havas gravan malsanon. Lia subita sveno estas kaŭzita de longtempa nesufiĉa dormado kaj ekstrema laceco. Kaj li ne devas esti tia en tiel granda aĝo. Nun li havas gutantan injekton. Zorgu pri lia nutrado, kaj li pliboniĝos." Kiel tio povas esti? Mi surpriziĝis. Mia patro ĉiam faras ĉion laŭ la tempa tabelo kaj ofte partoprenas en fizika ekzercado. Kiel aperas la problemo de nesufiĉa

dormado? Patron, ridetante, ne respondis mian demandon. Li petis min por doni telefonvokon al Patrino kaj havigi ŝin kiel lian akompanton, kaj li persvadis min reiri al mia laboro.

Ricevinte mian telefonvokon, Patrino alvenis rapide. Tiam flegistino eltiris injektopinglon el la mano de mia patro. El grumblado kaj riproĉado, mi fine sciiĝis pri la kaŭzo, kial mia patro havis nesufiĉan dormon. Kaj ĉio rezultiĝis pro la okuloj de Patrino.

Kiam Patrino revenis de la kuracejo, ŝi metis kolirion sur la tableton ĉe la litkapo. La kuracisto admonish, ke, se ŝi volas resanigi siajn okulojn, estas pli bone guti kolirion ĉiun alian horon en tuta diurno seninterrompe, tiel ke la okuloj sin tenu malseketaj, kaj kuraci samtempe per aliaj medikamentoj. Dumtage ŝi povis guti kolirion laŭ horloĝo, sed kion ŝi povis fari nokte? Leginte tion en la uzinstrukcio de la medikamento, Patro streĉis vekhorloĝon ĉiun alian horon kaj obstine helpis Patrinon guti kolirion ĝustatempe. Pli ol dudek tagoj forpasis. Sen taŭga ripozo kaj kun intense laboro dumtage, eĉ homo el fero ne povis persisti…

“Maljuna kunulo, mi ja suferigis vin…” diris plorvoĉe Patrino, firme tenante la manon de Patro.

“Nenia problemo. Mi garantias al vi, ke mi certe gajnos ĉampionecon en matĉo!” ridis Patro, frapetinte sian bruston.

“Vi mortos de laceco…”

“Se viaj okuloj resaniĝos, mi volas fari ĉion, eĉ morti.”

Patrino komencis plorsingultis, apogante sin sur la brusto de Patro. Tenante ŝian vizaĝon enmane, li mirige kriis, “Jen, vi, vi larmas…”

“Mi larmas?”

“Jes, vi larmas…”

Ŝia vizaĝo ruĝiĝis de hontemo kaj feliĉo. Ŝiaj okuloj akvece brilis kaj varmaj larmoj ĝoje elfluis sur ŝiaj vangoj. Spitante la ekziston de la filo, ŝi sin ĵetis en la sinon de Patro kaj ploris libere kaj bontrove…

Kun acideco en la nazo, mi turnis min kaj eliris. Aŭdiĝis ŝia plorado kaj lia konsolado. Kiam mi eliris el la kuracejo, mi trovis mian vizaĝon jam plea je larmoj. Tio estas miraklo en la kuraca historio, ke la okuloj de mia patrino povas larmi denove. Mi pensis, ke tiu sukceso ne tute venis al la efiko de medikamentoj. Sub la suno ekzistas ununura panacea por ĉiuj malsanoj – tio estas amo!

elĉinigis **Hongjia**



# ĈAPITRO 31

(Tiu ĉi ĉapitro estas la daŭrigo de la antaŭa ĉapitro, kiu traktas la kontraŭmilitan temon, En ĝia teksto troviĝas kelkaj frazoj interpolitaj kaj konfuzitaj, kiuj ŝajnis jam tiaj dum Han-dinastio. Iuj komentariistoj opinias, ke la frazoj ekde “En feliĉaj okazoj” ĝis “tiun de funebraĵoj” estas origine komento pri la frazoj “la nobla generalo, en paca tempo, honoras la maldekstron, / Sed en militaj okazoj li honoras la dekstron.”)

La armiloj estas instrumentoj sinistraj,
Kiujn ĉiu abomenas kaj evitas,
Tial tiuj, kiuj posedas la Taŭon, ĉiam estas for de ili.
La nobla generalo, en paca tempo, honoras la maldekstron,
Sed en militaj okazoj li honoras la dekstron.
Ĉar la armiloj estas instrumentoj sinistraj,
Ili ne estas la instrumentoj de la nobla generalo.
Kiam li havas nenian elekton kaj devas ilin uzi,
Por li plej bone estas uzi ilin kun indiferenteco kaj deteniĝemo.
Eĉ kiam li gajnas venkon, li ne devas rigardi sin laŭdinda.
Se li laŭdas sian venkon,
Li estas la homo trovanta plezuron en hommortigo.
Tiu, kiu trovas plezuron en hommortigo,
Sukcesos en nenio sub la Ĉielo.
En feliĉaj okazoj la maldekstro estas honorata,
En funebraj okazoj la dekstro estas honorata.
La malsupera generalo staras maldekstre,
La supera generalo staras dekstre.
Tio signifas, ke la aranĝo de militaj aferoj sekvas tiun de funebraĵoj.

La milito buĉas multegon da homoj,
Tial oni devas iri kun malĝojo al la batalejo.
Eĉ se la batalo estas gajnita, la venko devas esti solenata laŭ funebraj ritoj.

## ĈAPITRO 32

(Tiu ĉi ĉapitro plu elvolvas la politikan ideon pri "senagado". Ĝi konsilas al ni ne fari troaĵojn kaj teni niajn agojn inter la limoj de dececo.)

La Taŭo estas eterna, sennoma kaj simpla.
Kvankam ŝajne malgranda, ĝi povas esti subigita al nenio sub la Ĉielo.
Se la reĝoj kaj la princoj alkonformigus sin al ĝi,
Ĉiuj estaĵoj nature submetus sin al ili.
La harmonio de la Ĉielo kaj de la Tero
Descendigas dolĉan roson[1] al la homoj,
Kaj senordone la popolo egale ĝin ricevas.
Kiam naskiĝis la estaĵoj, tiam aperis iliaj nomoj;
Ĉar ili jam ricevis siajn nomojn,
Oni devas scii la limojn kaj la mezurojn en sia agado.
Sciante la limojn kaj la mezurojn, oni povas eviti ĉian danĝeron.
Ĉio sub la Ĉielo revenos al la Taŭo,
Same kiel la riveroj fluas al la maro.

[1] Laŭ la kredo de antikvuloj, "dolĉa roso" falas al la homoj nur tiam, kiam la mondo estas en plena paco.

elĉinigis **Wang Chongfang**



**Li Bai** (701-762)

### KANTO DE CHANGGAN (2)

Knabine vivis mi en buduaro,
neniom sciis ja pri viv-demando.
Edziniĝinte al lokan' de Changgan,
mi devas zorgi venton ĉe la strando.

Sudvento blovis en kvina monato,
fariĝis vi al Baling pasaĝero.
Ekis en oka monat' uestvento,
kaj vi navigis al Jangzi-rivero.

Kion do kaŭzis al ni la vojaĝoj ?
Disiĝ' tro multas, tro pokas renkontoj.
Ho, kiam venos vi al Xiangtan-urbo ?
En sonĝo mi postsekvis vin trans ondoj.

Hieraŭ nokte okazis drastŝtormo.
Ventego rompis arbojn ĉe la bordo.
Disvastas mallum-nebulo senlime,
nun kie estas vi, en kiu fjordo ?
Venas nord-gasto, jen vera noblulo.
Riveron ŝajnas pompuloj saturi.
Vespere petas tranokti ĉeloke,
post tagoj eĉ ne volas forveturi.

Ho ve ! Mi, kompatinda, dekkvin-jara,
kun persik-ĉarmo kaj prunflora tento,
iĝinte la edzino komercista,
mi tristas kaj de akvo, kaj de vento.

elĉinigis **Guozhu**



## EL 《LIBRO DE POEMOJ》

**Terspaco ebena ĉe l' Oriento**

Oriente terspac' ebanas,
rubiherb' deklive plenas.
Domoj niaj ja najbaras,
koroj niaj diste staras.

Tie kaŝtanarb' frond-riĉas,
sub foliombro domoj vicas.
Ĉu mi al vi ne sopiras?
Ve! Nevolonte vi aliras.

## Linda Junulino

Altira junulin' teneras,
por rendevuo min invitas.
Ŝi kaŝiĝinte ne aperas,
kapgrate ire mi hezitas.



Tenera junulin' altiras,
ŝi muziktubon jen
donacas.
La tub' maldika ruĝe brilas,
lindeco ŝia al mi plaĉas.

Ŝi donas herbon min senteme,
la freŝan, kuriozan vere.
Ne belas la herbeto mem,
sed ĝin prezentas ŝi sincere.

elĉinigis *Vejdo*

## POEMOJ DE XI MURONG

### *Sopiro*

tio, kion mi sopiras, fakte
estas nur tempeto
mi neniam petas, ke vi donas
vian tutan vivon

se sur montdeklivo kovrita de gardenioj
mi renkontiĝus kun vi, se ni
disiĝus post profunda amo

do l' vivo, kiel ajn longus,
estas nur, estas nur
retrorigardante, la tempeto kurta

elĉinigis **Tao Yu**



### *Senpenta homo*

ŝi iam donis al mi
promeson dolĉan, mildan
la luno en la monto
prilumis, en l' arbaro, sian junan
kristalajn vangojn
per la moment' aroma, ŝi akiris ŝanĝe
solecon kaj melankolion mian nunan

en homamaso' suferojn prikantanta
ĉu vere ŝi sciiĝas, ke mi restas
ankoraŭ tiu, kiu ja neniam pentas

elĉinigis **Liang Mei**



## Artisto

penikon vi jam lavis pure per larmakvo via
por ke mi povu pentri pluvon sur lageto

ĉe tiu kor-angulo plena je aromo
lotuson nevelkeblan vi elĉizis por mi

homviv' similas sonĝon raven
mi amas
realon aŭ malplenon
nu, kio estas mia elekto

elĉinigis **Liu Li**



€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€


Eldonas Redakcio de *Penseo*
Adreso: s-anino Harpina WU
Poŝtkesto 136, Jichang-xi,
Guangzhou, Ĉinio, CN-510403
E-poŝto: harpina@21cn.com
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
…………..
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: wyd168@21cn.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.


€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€€